# INTERNACIA PEDAGOGIA REVUO

14-a jaro (Numero 6) 1935
Tutjara abono: 2.50 nederlandaj guldenoj (inkluzive aneco de Tutmonda Asocio de Geinstruistoj Esperantistaj)

Oficiala Organo de Tutmonda Asocio de Geinstruistoj Esperantistaj (TAGE)

Redaktoro: E. J. BOLTJES. Engelsche laan 30. Winschoten ((Nederlando)
Administranto: P. KORTE. Schoolstraat 13. Veendam (Nederl.) Poŝtĉekk.: 90544
Prezidanto de TAGE: G. W. ROOME. 21. Glenalmond Rd Sheffield (Anglujo)
Sekretario de TAGE: W. H. MOOK. Nassauplein 15a Groningen (Nederlando)
2-a Sekretario: K. H. SPORTEL. Nieuw-Scheemda (Gr). (Nederlando)

## Al la anoj de TAGE

Gekolegoj kaj geamikoj,

Elirante de la prezidanteco, mi deziras adiaŭi vin kiel prezidanto, sed certe ne forlasi vin kiel samcelano.

Kvankam, dum mia ofica periodo, la asocio renkontis multajn malfacilaĵojn, sufiĉe da atakoj, kaj kelkajn perdojn laŭnombre kaj laŭmone, ni tamen trovas nin nuntempe antaŭenrigardante la estontecon kun fido, kun espero, kaj eĉ kun iomo da amo. Se en ni eble iomete mankas la kristana amo por kelkaj malamikoj, tiam ni plimulte amu la amikojn kaj kolegojn, por ke ni tiamaniere restarigu la ekvilibron.

Ĉiuj el ni kiuj jam havas la plezuron, ke ni renkontis kelkajn el niaj svedaj gekolegoj, sendube ĝojos ke ili nun estas laŭnombre la ĉefa sekcio de TAGE. Ni do aprobos, ke oni transdonis al ili la honoron, ke ili elektu la prezidanton.

Kaj certe ĉiuj kiuj scias kiel volonte K-o Dro Beckman energiis por helpi IPR kaj TAGE, forte aprobos ke la svedaj gekolegoj proponis Dron Beckman kiel prezidanton de TAGE.

Pli ol antaŭe mi mem bedaŭras ke, kiam ni renkontis dum la viena konferenco, ni ne pli kunfratiĝis. Ĉu la natura modesteco de ambaŭ, ĉu la angla flegmo, ĉu la multokupado kaj nemulto da okazoj por babiladi, certe iu malhelpis, kaj lasas min atendante okazojn kiam ni denove renkontiĝos.

Dume, estos la devo kaj ĉe la plimulto el ni, estos la ĝojo, ke ni helpu kaj kuraĝigu Dron Beckman kaj liajn kunestrojn en la antaŭenpuŝado de nia afero.

Kun kristnaska kaj ĉiaj aliaj bondeziroj mi restas fidele kaj sincere via

*Geo. W. Roome.*

# La instruado de historio kaj la internacia kooperado

La World Federation of Education Associations (Mondfederacio de priedukaj Asocioj), kiu grupigas precipe anglosaksajn asociojn de Granda Britujo, ties dominioj kaj Usono kongresis en Oxford samtempe kiel la Internacia Federacio de Instruistaj Asocioj.

Mi estis petita lekcii pri la instruado de historio je la vidpunkto de la internacia kooperado.

Oni trovos ĉi-sube la skemon de tiu prelego kiu, eĉ tiele resumita, alportos al niaj kamaradoj utilan dokumentaron.

Ĉu estas eble doni je la diversaj aĝoj de la lerneja vivo, prihistorian instruon, kiu havas efektivan edukan valoron, kiu kapablas alfariĝi al la psikaj necesoj de la diversaj aĝoj, kiu estas por tiuj diversaj aĝoj la instrumento por socia kulturo difinita de la historiistoj?

Ĉu estas eble asocii la nacian kaj la homaran historiojn, kunligi la sciencan spiriton kaj tiun de la internacia kooperado, asigni al la historia instruado duoblan mision: nacian kaj homaran?

La historia instruado, kiu sin turnas al junuloj, povas prave respondi al sia socikultura rolo, t. e. alkutimigi ilin unuflanke al la precipaj sociaj fenomenoj, aliflanke al la ideo pri senĉesa transformado de homaraĵoj.

Multege pli malfacila estas la tasko, kiam temas pri infanoj. Oni prave povis diri, ke historio estas scienco por maturuloj. Tamen, oni obstinas instrui ĝin al infanoj, tial ke oni konsideras ĝin kiel nepran elementon de la popola kulturo kaj de la nacia eduko. Ĉiuj landoj, kiuj organizis dum la 19-a jarcento la por ĉiuj destinitan unuagradan instruadon, enmetis la historian instruadon en la instruprogramojn.

Sed necesis krei prihistorian pedagogion: elekti la plej akireblajn kaj demonstraciajn faktojn; elstudi la metodojn kiuj igas ilin tiaj. Tute, empiria pedagogio unue, en kiu la zorgo instrui la faktojn, kiujn la estonta civitano ne rajtas ignori, superfortas la infanajn kapablojn. Plie, dum la pedagogoj strebas multobligi la konkretajn procedojn, la psikologoj klopodas por mezuri la ricevkapablojn de la infano.

Rilate kun la infano, homa objekto de la instruado, je kia aĝo, oni devas komenci la instruon de historio, kaj kiome, kaj sur la fundamento de kiaj faktoj, la prihistoria instruado devas havi lokon en la unuagrada lernejo por ke ĝi estu utila kaj efika je la eduka vidpunkto? (Internacia Konferenco pri la Instruado de Historio, Hago, 1932).

La malhelpoj, diras s-ro *Bovet*, el la Instituto Jean-Jacques Rousseau, rilatas: 1. al la pritempa reprezentado; 2. al la kompreno de certaj prisociaj kaj pripolitikaj konceptoj (ŝtato, registaro, nacio, k. t. p.) kiuj rolas unuavice en la historia tradicia rakonto, 3. al la aplikado de la kaŭza ideo al la sociaj faktoj.

La studoj sur la psikologia kampo nur komenciĝas. Post *Decroly*

kaj *Baldvin*, s-ro *Piaget*, kune kun la Instituto pri Edukaj Sciencoj de la Geneva Universitato, studis la jenajn punktojn:

1. Ĉu estas eble analizi la nocion, kiun la infano havas pri la pasinteco, en la senco de pasinteco netravivita, preteranta la individuan memoron?

2. Ĉu la historiaj konoj kaj la valoraj juĝoj de la infano estas de ĝi konceptataj kiel riataj al ĝia socia grupo, aŭ kiel komunaj al ĉiuj homoj kaj, sekve, certaj?

Kaj s-ro *Piaget* konstatas: Eĉ rilate al la konkretaj realaĵoj aŭ la plej konataj de la infano, la pasinteco ŝajnas konceptita en funkcio de la estanteco kaj neniel male. Nu, ĝuste tiun renversiĝon de la perspektivoj konsistigas la kompreno de la historia estiĝo. La infaneca pasinteco estas nek malproksima nek vicigita en disaj periodoj, kaj la universo estas centrigita sur la lando aŭ eĉ sur la urbo kie loĝas la infano. La egocentrismo retroviĝas sur la historia kampo kiel ĝi ekzistas en ĉiuj reprezentadoj de la infano.

Jam nun tion priatentu la pedagogoj; ili sin gardu kontraŭ antaŭtempa laŭsistema instruado, ili alprenu metodojn kongruantajn kun la aĝo de siaj lernantoj. Sed klare montriĝas ke la fabelo, la historio pri aĵoj, la biografioj proponitaj de s-ro *Ferriere*, por la tri infanaĝoj povas esti nur enkonduko al la vera historia kulturo, kaj ke tiu vera kulturo, se ĝi estas difinota por ĉiuj, povas direktiĝi nur al junuloj kaj sekve, ligiĝas kun la plilongigo de la deviga lerntempo.

»Oni jam ne postulas de la historio moralajn lecionojn, nek belajn kondutekzemplojn«, skribas s-ro *Seignobois*. »Oni ankaŭ rezignas uzi historion por ekzalti la patriotismon aŭ la lojalismon. Ĉiuj, kiuj pripensas, akordiĝas por konsideri la historion kiel instrumenton por socia kulturo.« S-ro *Seignobois* ŝajne pensas pri la historia instruado en la duagradaj lernejoj.

Estas ja konate, ke, en la unuagradaj lernejoj, en ĉiuj landoj, la historio kunhelpas en la morala kaj civitana edukado. Estas unue tre malfacile postuli de la infanoj la objektivecon de la historiisto. La infano emociiĝas je la historiaj rakontoj, pasie partiiĝas, kaj la moralaj kaj civitanaj lecionoj nepre apogiĝas sur la historion des pli ke, en ĉiuj landoj, oni asignis al la historia instruado nacian mision.

»Se, kiel diras *Fenelon*, la vera historiisto apartenas al neniu tempo, al neniu lando, kaj kvankam li amas sian patrujon, li pri nenio ĝin flatas«, la prihistoria profesoro, la instruisto, la lernlibro devas, kiel diris s-ro Frans Van *Kalken*, profesoro ĉe la Universitato en Bruselo, difini kaj fiksi la nocion pri patrujo.

»La historian instruadon oni devas alpreni kiel instrucentron, precipe en la malsupraj klasoj«, ripetas s-ro van *Kalken*, post la Internacia Kongreso pri la duagrada Instruado, okazinta en Genevo dum 1926.

Tiu nacia egocentrismo kondukas iom malproksime de la objektiveco proklamita de la historiistoj. Ĝi danĝere emas deviiĝon al nacia ekskluzivismo kaj al atakema naciismo.

La plimulto el la prihistoriaj lernlibroj uzataj tuj post la milito, en la diversaj landoj, ricevis tiun aliformiĝon, tiagrade ke ili emociis ĉiujn historiistajn kaj edukistajn rondojn, kaj fariĝis objekto de kritikaj studoj kaj moralaj aŭ laŭleĝaj sankcioj.

Nedecaj manifestacioj de naciista propagando en la lernejo, malĝentilaj asertoj kontraŭ aliaj popoloj, tio sufiĉis por ke, tuj post la milito, la spiritoj de ĉiuj landoj en ĉiuj rondoj, emaj starigi inter ĉiuj popoloj longdaŭran pacon, intencu forliberigi la historian instruadon de ĉia kulpigo daŭrigadi malakordiĝojn kaj malamojn inter la popoloj, kaj nedisigeble kunigante la sciencan spiriton kun tiu de internacia kooperado, akcelu estiĝon de la historia instruado kiel unu el la ŝlosiloj de la internacia eduko kaj mondpaco.

Duobla problemo: 1. pere de kiel eble plej senpartieca esploro, starigi inventaron de la lernlibroj kiuj, pro sia ŝovinista misaliformiĝo, malutilas al la popola interkompreniĝo; poste, difini la rimedojn per kiuj tiuj libroj estu elpurigitaj aŭ forigitaj.

2. Kunakordigi en novaj lernplanoj aŭ libroj la nacian historion kaj la internacian, la sciencan problemon de la historia instruado, kun la morala problemo de la bonvolo inter la popoloj.

Necesas ĉi-tie raporti pri la akceloj sur tiu duobla kampo, fare de la registaroj kaj de la koncernaj asocioj (historiistoj, profesoroj, instruistoj, edukistoj, moralistoj, ktp.)

Kiel enkonduko, la unuaj agoj:

1. La artikolo 148 de la Weimar'a konstitucio: la instruado direktata al repaciĝo de la popoloj;

2. La deklaracio fare de la Konsilantaro de la Ligo de la Nacioj dum septembro 1921, laŭ kiu »spirito de reciproka kompreno internacia kondiĉas la vivon de la Ligo de la Nacioj kaj la kreadon de Internacia Komisiono de Intelekta Kooperado«.

3. La esploro de la »Dotation Carnegie« pri la postmilitaj lernlibroj (1923);

4. La estigo fare de la Internacia Komisiono de Intelekta Kooperado, de subkomitato de ekspertoj por la junulara instruado pri la celoj de la Ligo de la Nacioj (1923);

5. La rezolucio Cazares, alprenita de tiu subkomitato kiu planas procesadon cele al forigado en la lernlibroj, de ties partoj malutilaj al la interpopola kompreniĝado (1925);

6. La kampanio fare de la Nacia Sindikato de la Francaj Geinstruistoj de 1926 ĝis 1928, kiu atingis tutan forpeladon de la francaj militemaj lernlibroj;

7. La agado paralele kondukata de la francaj instruistoj sur la internacia kampo, kiu akcelis la estigon de Internacia Federacio de Instruistaj Asocioj, kun la celo: kooperado de la instruistoj kaj de la lernejo al interpopola paco (1926);

8. La principoj de Bern redaktitaj en 1926 de la Komisiono de la lernlibroj el la Komitato por la daŭrigo de la Universala Konferenco

de la Praktika Kristanaro, kaj difinante la terminon »malbona libro«;

9. La rezolucioj de la sinsekvaj kongresoj de la Internacia Federacio de Instruistaj Asocioj:

a) en Berlino, dum 1928: rezolucio pri la internacia senpartieco en la instruado:

b) en Bellinzona, dum 1929: projekto de internacia historio; ekprilaboro de internacia libro destinota al konigado de la kontribuo alportita de ĉiu popolo al la universala civilizacio.

c) en Luksemburgo, dum 1932: diskutado pri la preciza temo de internacia historia instruado:

10. La laboroj de la Internacia Instituto de Intelekta Kooperado kaj de la Komitato de Ekspertoj por la revizio de la lernlibroj; redakto fare de I. I. I. K. de raporto pri la revizio de la lernlibroj enhavantaj tekstojn malutilajn al la reciproka kompreniĝo de la popoloj (1932);

11. La Komitato pri la morala senarmigo starigita de la Senarmiga Konferenco laŭ peto de la pola Delegitaro kun la helpo de la Internacia Komisiono de Intelekta Kooperado (1932);

12. La Internacia Konferenco por la historia instruado, kunveninta en Hago dum 1932 kaj en Basel dum 1934, por kontraŭmeti la vidpunktojn de la historiistoj, de la edukistoj kaj de la pacamantoj.

Tiuj diversaj klopodoj atingis malegalajn rezultatojn. La projektoj prezentitaj al la Komitato pri la morala senarmigo de la Senarmiga Konferenco, la rekomendoj de la Internacia Komisiono de Intelekta Kooperado, eĉ aprobitaj de la Konsilantaro kaj de la Kunsidantaro de la Ligo de la Nacioj, havis plej ofte nur platonan karakteron, kaj trovis antaŭ si la kontraŭbarojn de la registaroj kiuj zorgis pri la tuta konservado de la ŝtata suvereneco rilate al senarmigo.

La Konferenco pri Historio eltrovis ĉe la historiistoj obstinajn antaŭjuĝojn koncerne ĉiujn klopodojn fare de la edukistoj por unuigi la sciencan spiriton kaj tiun pri internacia kooperado.

La diktatoraj registaroj malkaŝeme eldiris sian volon subigi la historian instruadon al naciaj kaj eĉ naciistaj celoj. »La devo de nacia ŝtato estas skribigi mondhistorion en kiu la demando pri rasoj estos envicigita kiel superanta faktoro«. (Hitler-Mein Kampf).

La klopodoj fare de la instruistoj kaj, en diversaj landoj, de pacamantaj organizaĵoj aŭ de la naciaj asocioj por la Ligo de la Nacioj, tamen ne estis vanaj.

Jene restas:

1. Pro la premagado de la edukistoj kaj pacamantoj, la elpurigado en la plimulto de la landoj, de la tendencaj lernlibroj;

2. La penadoj faritaj por historia instruado kiuj, kalkulante laŭ la psikologiaj kapabloj de la diversaj aĝoj:

utiligas la kontribuon de ĉiuj popoloj al la komuna havaĵo de la homaro;

donas al la infano la senton pri la universala solidareco kaj forigas

el sia spirito la malveran kaj danĝeran vizion de solidareco kiu haltas ĉe la landlimoj;

3. La praktika malfacileco realigi lernlibron pri internacia historio utiligebla en ĉiuj landoj, sed la ebleco por ĉiu lando, koncepti kaj realigi historian programon kiu, je la diversaj epokoj, signas la rilatojn pli kaj pli intimajn inter la nacia kaj la internacia historioj;

4. La konvinko de la instruistoj ke ili havas la devon unuigi en sia instruado la zorgon pri la historia vero kaj tiun pri la internacia kooperado. Tiu lasta punkto devas speciale atentigi nin je momento kiam la diktatoraj registaroj provas anstataŭigi la liberan instruadon per dresado.

La edukistoj perfidus sian mision akcelante infektan ideologion sklavecan kaj internacie malfidigan.

Ili devas rifuzi igi sian instruadon propagando kaj dresado.

Ili devas rifuzi subigi la intelekton al la ŝtata postulo.

Ili devas eldiri sian volon kontraŭbatali la militemajn panikojn kaj defendi tiujn plej valorajn havaĵojn, hodiaŭ solidarajn, Pacon kaj Liberecon.

Trad. *F. Baronnet.* *G. Lapierre*

**Sekretario de la Nacia Sindikato de la Francaj Instruistoj**
**Sekretario de la Federacio Internacia de la Instruistaj Asocioj**



# Orient-Hindujo (Ned.)

Tipa hodiaŭa simptomo en Ned. Orient-Hindujo estas ke oni deziras pli da fakinstruo. Ĉi-tiu deziro vivas en ĉiuj tavoloj kaj grupoj de la enloĝantaro, unualoke ĉe la indiĝenoj, sed ankaŭ ĉe la eŭropanoj kaj ĉinoj.

Ĝis antaŭ nelonge la iom bonstataj indiĝenoj aŭ la hindo-eŭropanoj tre, tre alte taksis la M. U. L. O. lernejon (daŭriga elementa lernejo): La M. U. L. O. diplomo ja donis okazon akiri postenon en oficejo, en la servo de la registaro aŭ ĉe privata entrepreno. Kaj bonhava enlandano estis kvazaŭ en la sepa ĉielo, se lia filo fariĝis oficisto. Por la komerco aŭ por la metio la indiĝeno, forlasante la desaon (indiĝena vilaĝo) kaj ne plu volante labori sur la rizkampoj de siaj praŭloj, ĉar la urboj allogis lin, ne sentis emon.

## Herooj[1]

Terura nokto!

La ventego grumblas en la kamentuboj kaj fajfas tra la brančoj de la malmultaj arboj, kiuj ĉirkaŭas la kelkajn dometojn de la vilaĝeto. La marondoj kun blankaj ŝaŭmtufoj saltegas kontraŭ la fortikan digon, kiu kuŝas inter la vilaĝo kaj la maro.

Terura nokto!

En la vilaĝeto la homoj ne dormas. Ili ne povas dormi, sciante ke, kvankam ili mem estas sufiĉe ŝirmataj kontraŭ la atakoj de la bolanta maro, multaj el iliaj familianoj, konatuloj, same ŝipistoj kaj fiŝistoj kiel ili, estos en granda danĝero sur la sovaĝa maro.

Ĉar la maro estas danĝera por ĉiu, kiu en tiu ventego venos tro proksime al la marbordo.

La lumturgardisto pli atente rigardas tra sia lorno trans la maron. Eble li povos rimarki iun lumsignalon, forsenditan de iu ŝipo, kiu estas en danĝero.

Terura nokto!

Subite la laŭtparolilo eksonas. Klara voĉo sciigas, ke en la proksimeco de Borkum ŝipo alfundiĝis kaj sendas signalojn. Kaj tuj la gardisto informas la ŝipanaron de la »Insulinde«, la savboato.

Kion fari! La ŝipo estas en germana teritorio, kaj la borkuma savboato estas pli proksima al la ŝipo ol la nederlanda. Ĉu ili ne havos sensukcesan vojaĝon?

Tamen ses viroj en ledaj vestoj jam enŝipiĝas. La maŝinisto fermiĝas en la motorĉambro kaj post kelkaj minutoj la malgranda, sed fortika ŝipo, forpuŝata de du fortaj motoroj, jam luktas kontraŭ la sovaĝa maro.

Estas meznokto, kiam la boato forveturas. Kiam ĝi revenos? La tuta vilaĝanaro ĉeestas sur la digo kaj deziras sukceson.

Tri horojn daŭras la luktado! Grandaj on-

doj alruliĝas en la nokta mallumeco; ondoj, ofte pli ol kvar metrojn altaj, kiuj ŝajnas frakasi tuj la boaton. Kaj apenaŭ unu ondo estas for, jam denove alvenas la sekvanta. Meze inter tiuj akvomuroj pendas la »Insulinde« en ne pli ol 25 m. larĝa kavo. Kaj kelkajn sekundojn poste ĝi aperas sur la ondopintoj. Nur la hurlado de la vento kaj la muĝado de la akvo aŭdiĝas.

Tri horojn daŭras la lukto!

Tiam ili atingas la ŝipon. En la malluma nokto nur nigra ŝiptrunko estas videbla. Neniu homo! Ĉu la ŝipanaro jam estas savita? Ĉu eble ili jam dormas en la sendanĝeraj litoj, dum ses viroj migradas sur la bolanta maro?

»Ni atendos ĝis la mateno!«

Tio estas la decido de la estro.

Kaj dum du horoj la »Insulinde« devas resti en la ĉirkaŭaĵo de la alfundiĝinta ŝipo; resti sur la danĝeraj akvoamasoj.

Kiam krepuskiĝas, ili vidas... du personojn sur la ŝipo kaj ... la borkuman savboaton, kiu same kiel ili dum la tuta nokto restis en la proksimeco de la ŝipo.

Tie la situacio estas tre danĝera. La komandantponto jam estas forpuŝita; la ondoj ruliĝas trans la ferdeko.

Nun la »Insulinde« estas direktata al la ŝipo. Jam la unua klopodo havas sukceson: kiam la savboato glitas laŭlonge de la ŝipo, du junaj viroj saltas kaj falas en la reton, kiu estas konstruita super la tuta boato. La unuaj ŝiprompiĝuloj estas savitaj!

Denove la »Insulinde« klopodas alproksimiĝi, sed vane. Dekkvin fojojn la forta fluego kaj la altaj ondoj repuŝas la malgrandan ŝipon. Ofte la kilo puŝiĝas kontraŭ la marfundo, sed pro la fortika konstruo de la boato tio ne gravas. Preskaŭ tri horojn daŭras la klopodoj, sed fine la lasta persono estas savita. Ok viroj saltis en la reton, kvar oni devis fortiri de la ŝipbalustrado. Malfacila tasko! Kvin fojojn oni klopodis savi la maljunan ŝipestron. Sed ĉiufoje li estis sur malĝusta loko. Fine oni sukcesis kapti lin kaj forŝiris lin de la balustrado.

Nenian posedaĵon la viroj povis kunpreni; ĉio devis resti en la pereanta ŝipo. Eĉ al du man-

kas la ŝuoj! Sed ne malĝoju pri tio! Ili estas savitaj! Al la sovaĝa maro oni denove forŝiris la rabaĵon!

Muĝegu nun, vi akvoj!

Hurlegu nun, vi uragano!

Alten la flagon!

Kaj la sekuraj manoj de la bravaj viroj direktas la »Insulinde« en la sendanĝeran havenon.

La nokto de teruro forpasis.

Kaj post kelkaj horoj de ripozo la »Insulinde« reiras al sia haveno por atendi, ĝis denove venos alarmsignalo por peti helpon. Tiam denove ses viroj riskos sian vivon por savi tiun de aliaj, kiuj sen helpo pereos.

*Herooj!* *M.*

[1]) Originale verkita laŭ gazetaj raportoj. En la nokto de 16—17 septembro alfundiĝis en terura ventego germana ŝipo »Bramow« ĉe la insulo Borkum. La nederlanda savboato »Insulinde« el Ostmahorn, en Norda Frislando sukcesis savi la dekdu ŝipanojn. La »Insulinde« estas ŝtala boato kun du motoroj. Krome ĝi havas radion, tiel ke la ŝipestro ĉiam estas en kontakto kun la marbordo kaj aliaj

## Anekdoto pri Frederiko Granda

Tuj kiam Frederiko la Granda, reĝo de Prusujo, vidis novan soldaton en sia gvardio, li ĉiam faris tri demandojn:

»Kiom aĝa vi estas?«

»De kiam vi servas min?«

»Ĉu vi regule ricevas pagon kaj nutraĵon?«

Juna franco, kiu tute ne parolis la germanan lingvon, aliĝis al la gvardio. Tri tagojn poste la reĝo inspektis.

Pro tio oni rapidege instruis la tri respondojn al la novulo, en la kutima sekvo.

ŝipoj. La boato estas posedaĵo de la nederlanda societo por savi ŝiprompiĝulojn. Tiu societo posedas savboatojn en diversaj marlokoj. La por tio necesan monon oni enkasigas per donacoj kaj kontribuoj de la membroj.

Kompreneble Frederiko tuj ekvidis la novan soldaton, sed malfeliĉe, li komencis per la dua demando:

»Kiom da jaroj vi jam servas min?«

»Dudekunu jarojn, Reĝa Moŝto.«

»Kion vi diras, dudekunu jarojn! Kiom aĝa vi do estas?«

»Tri tagojn.«

»Nu,« ekkriis la reĝo, »unu el ni certe perdis sian menson.«

»Ambaŭ, Via Moŝto,« diris la soldato, pensante, ke li respondas al la tria demando.

»Kion tio signifas,« nun ekkriis la reĝo. »Ne jam okazis, ke oni tiel malkaŝe diris al mi, ke mi estas freneza.«

La soldato silentis, ĉar li elĉerpis sian germanan vortprovizon. Sed kiam la kapitano klarigis ĉion, la reĝo kore ekridis.

## La sturno

Maljuna ĉasisto posedis sturnon, kiu povis paroli kelkajn vortojn. Ekzemple, kiam oni demandis: »Sturno, kie vi estas?« ĝi ĉiam respondis: »Jen mi estas.«

La juna filo de la najbaro tre ŝatis la birdon. La juna knabo ofte vizitis la ĉasiston.

Foje li eniris la familiĉambron de la ĉasisto, sed hazarde neniu estis tie. La emo posedi la birdon iĝis tre forta. La knabo grimpis sur seĝon kaj nun li povis atingi la kaĝon, singarde malfermis la pordeton, kaptis la birdon, enpoŝigis ĝin kaj volis rapide foriri. Sed en la sama momento la ĉasisto eniris. Li volis fari plezuron al sia malgranda najbaro kaj tial demandis: »Sturno kie vi estas?« kaj la birdo ekkriis en la poŝo de la knabo: »Jen mi estas!«

La ĉinoj, kaj lastatempe la japanoj, tute okupis la metion kaj la detalkomercon.

La socia krizo akre limigis la nombron de la oficistoj. Dum la lastaj jaroj la multaj M. U. L. O. lernejoj liveris tiom da abiturientoj ke la pli granda parto ne sukcesis akiri postenon.

Ĉi tio ŝanĝis la ideojn. Nun oni deziras esti edukata por metio, por la komerco, multaj aliaj volas returniĝi al la kamplaboro.

La registaro plejeble favoras tiujn dezirojn kaj akcelas metio-instruon al indiĝenoj. En la urboj troviĝas metilernejoj. En malpli grandaj lokoj, kie jam estas iu enlanda industrio, oni donas kursojn. Tiamaniere la popolindustrio povas esti pli perfektigata.

Baldaŭ oni verŝajne fondos agrikulturan lernejon por personoj, kiuj posedas M. U. L. O. diplomon.

Oni ankaŭ ŝatas la mastrumadan instruadon por la junaj enlandaj, eŭropaj aŭ ĉinaj fraŭlinoj. Ĝis nun estis nur malmultaj tiaj lernejoj kaj la intereso por ili ne estis granda. Nun granda ŝanĝo. Eĉ mankas sufiĉe da instruistinoj por tiaj lernejoj, kaj abiturientoj tuj devas instrui por forigi la mankon.

Totale ekzistas nun 24 privataj mastrumadaj lernejoj kaj 3 ŝtataj. Estas 1 mezgrada, nome en Batavia. Ĉi tiu lernejo ĉiujare akceptas 20 novajn lernantojn. Post la tri jara edukado tute ne ĉiuj eniras la praktikon. En kelkaj urboj oni k'opodas fondi komerc'ernejojn.

La antaŭ nelonge en Batavia fondita komerclernejo tuj havis grandan sukceson. Ankaŭ en Medan (Sumatra) oni volas fondi tian lernejon. Ne nur sur *Java* sed ankaŭ sur aliaj insu'oj la loĝantaro deziras fakinstruon.

La ĉefo de la informservo de la Instru-departemento en Batavia, Mr. Kluiver faris vojaĝon en Sumatra dum la unua parto de decembro 1934. Li konkludis post ĉi tiu vojaĝo: ĉie, ankaŭ en la eksterurbaj distriktoj, la popolo deziras: donu al ni fakinstruon.

Kaj kiom tio estas finance ebla la registaro certe plenumos tiun deziron.

---

# LIBROJ

*Ferenc Szilágyi: Dr Szilágyi's Kurs i Esperanto.* Eld. Soc. Esperanto, Stockholm. 96+4 paĝoj. Prezo 2 sved. kr.

La aŭtoro, kiu dum sia dujara instruado en Svedlando akiris al si grandan popularecon per sia originala, t. n. projekcia, metodo (kun lumbildoj), nun aperigis Esperanto-kurson en libroformo. La belaspekta, 206 unuarangajn ilustrajojn enhavanta libro ne sekvas la antaŭajn bildmetodojn, sed montras tute originalajn pedagogiajn vidpunktojn, kiujn bonege apogas la »dramece« karikaturaj, ridigaj ilustraĵoj, speciale la tutmonde popularaj Adamson-serioj; en la bildoj la agado estas tiom koncentrita kaj frapanta,

ke ili vere riĉiĝas la memoron de la lernanto — kaj plej ofte per vortoj, kies gravecon la aŭtoro ne mistaksas.

La unua faktoro nepre necesa por kapti kaj konservi la intereson de la komencantoj estas, en la plej multaj okazoj, simpla instrumetodo, kiu ne superas la kapablon de la lernantoj, kaj en la libro aperinta la aŭtoro plene atentis tiun postulon. Entute oni povas diri, ke la libro tuj vekas kaj konservas la intereson ĝis la fino, kie bone elektitaj literaturaĵoj, tabeloj, vortaro kompletigas la plezuron de la komencanto, aŭ eĉ — komencinto.

Al ĉiu leciono apartenas mallongaj gramatikaj klarigoj en sveda lingvo. Tiujn klarigojn alilingva instruisto facile povas verki en sia propra lingvo.

*Petro*, kursa lernolibro. 6-a eldono. 116 paĝoj, prezo: nur broŝurita: fr. fr. 6.— (10% por afranko).

Bonega, malkara lernolibro, eĉ por memlernantoj. Kelkaj esprimoj ĝenos personojn, kiuj havas alian politikan konvinkon.

*La Juda Ŝtato*, de D-ro Teodoro Herzl. El la germana originalo tradukis Bernhard Selzer. Esperanta antaŭparolo de D-ro Emil Pfeffer. Kun biografio kaj portreto de l' aŭtoro. Eld.: Literatura Mondo, Budapest.

Bona ideo traduki ĉi tiun verkon ĝuste nun, kiam la judoj denove travivas malfacilan tempon. La stilo de la traduko estas bonega. Speciale la biografio frapis min.

SVEDA ANTOLOGIO sub ĉefa redakto de Sam. Jansson kaj kunlaboro de pli ol 40 helpantoj. Vol. I. 228 paĝ. broŝ. sved. kronoj 5.—, tole bindita 6.50 Eldona Societo Esperanto, Stockholm.

Ĉi tiu unua volumo pritraktas la tempon de 1880—1920 kaj enhavas verkaĵojn de kelkaj el la tiamaj svedaj verkistoj, nome August Strindberg, Gustav of Geyerstam, Ernst Ahlgren (pseŭdonimo de Victoria Benedictson), Anne C. Leffler, Verner von Heldenstam, Oscar Leverlin kaj Per Hallström.

La diferenco inter la jam aperintaj antologioj kaj ĉi tiu sveda estas, ke multaj personoj kunlaboris por la traduko, dum kelkaj eksterlandaj samideanoj kontrolis kaj konsilis. Tial aperis verkaĵo tre interesa, kiu vidigas al ni, kaj la belan svedan literaturon el tiu naturisma epoko, kaj la ekziston de multaj tre lertaj Esperantistoj en Svedujo. Ni aparte mencias la enkondukon de Dro Bjarne Beckmann pri la sveda literaturo 1880—1920. Lektoro Beckman, doktoro pri literaturo, majstre pritraktas en la enkondukaj 40 paĝoj tiun epokon kaj ĝiajn verkistojn rilate al la socia kaj filozofia vidpunktoj tiamaj.

Notinde estas, ke preskaŭ tute mankas neologismoj. Ni opinias, ke la eldono estas grava sukceso tiel por la tradukintoj kiel por la eldonisto.

**M.**

*Sveda Antologio.* Dua vol. Sub redaktado de Sam. Jansson. Eld. Soc. Esperanto, Stockholm. 204 pĝ. Prezo: broŝ. sved. kr. 4.—, tuttole bind. kr. 5.50. Du volumoj kune broŝ. sv. kr. 8.50, tole bind. sv. 10.—.

Post la multepromesa unua volumo ni komencis legi kun granda atendo kaj atento la eksteraĵe same belan, duan volumon, dediĉitan al la sveda literaturo. Ties famuloj ja estas ĉiam inter la unuaj en la kultura konkurso de la mondo. Tuj ni povas diri: nia plezuro estas plena; la frazon, laŭ kiu »la Esperanta literaturo pliriĉiĝis per grandioza verko«, oni iom foruzis, sed ĉi-foje ni rajte uzas la superlativon. La brava sveda Esperanto-movado pruvis, ke ĝi estas inda al tiu altnivela sveda kulturo, kies elektitaj perloj

aperas en la Sveda Antologio kaj la laŭdo apartenas same al la ĉefa gvidanto de la laboro, redaktoro S. Jansson, kiel al la entuziasma helpema aro, kiu laŭ demokratiaj principoj, ofte tro modeste (ekz. sub la kolektiva nomo: Gevleanoj, Ystadanoj) kunagante donacis al ni sendube gravegan kaj prifierindan verkon.

En la dua volumo ni renkontas la nomojn de novaj verkistoj, kies apero en la literaturo tamen estas antaŭ la jaro 1920. Kelkaj el ili estas ĝenerale konataj en la tuta mondo, unuavice Selma Lagerlöf, kiu per kvar bonege elektitaj majstrajoj estas reprezentita. El la prozverkistoj ni nepre devas mencii la — bedaŭrinde tro frue mortintan — Pelle Molin, kies noveloj estas tute unikaj kaj el la belaj, eble la plej bela estas la »Danco kun urso«. Sed la epizodisto Albert Engström, kiu ne timas eĉ la profundon de la homanimo, la filozofemaj Ellen Key kaj Hans Larsson, la melankolie rezigna Hjalmar Söderberg, la iom pesimisma Sigfrid Siwertz kaj la komikajn kaj tragikajn momentojn tiel majstre unuiganta Hjalmar Bergman same kaptas nian intereson, plaĉon kaj ŝaton. La nombro de la bravaj tradukantoj (koncerne la prozaĵojn) estas tiel granda, ke neeble aparte mencii ilin. Ne malpli prikoninda kaj ĝuplena legaĵo estas la kolekto de la poeziaĵoj, kiu prezentas al ni la poezion de Fröding, tiu ĉi individue profunda animo, la klarajn, serenajn, nur kelkfoje nubiĝantajn bildojn de Karlfeldt, la sentoplenajn kantojn de Bo Bergman kaj la subtilan lirikon de W. Ekelund kaj Anders Österling. La tradukaĵoj ĝenerale estas tiom belaj, ke ni ne preterlasas la okazon mencii la kvar eminentajn tradukantojn, Magda Carlsson, kies nomon ni plej multfoje trovis sub la poemoj, Stellan Engholm, pri kies tradukaĵoj jam estas preskaŭ superflue ripeti la laŭdojn, Gustav Johansson, kiu kelkfoje atingas la plej altajn regionojn de la poeziaj esprimoj kaj Varma Thilander, kies forto estas la virina subtilo.

La Esperantistaro ŝuldas multe da dankoj al ĉiuj kunlaborintoj de tiu ĉi vere altvalora verko.

SKIZO PRI FILOZOFIO DE LA HOMA DIGNO de Paul Gilles, profesoro ĉe Belga Instituto por altaj studoj (traduko de E. Lanti) 148 paĝoj fr. fr. 12 (broŝurita) plentole bindita fr. fr. 17 (plus 10% por afrankoj). Tro malfacila por komencanta Esperantisto. Bona ekzerco por progresinto. Lingvo bonega.

*Gimi Higins* de Upton Sinclair. Eldonis: SAT. La ĉefpersono vivas en Usono, antaŭ kaj dum la mondmilito. Li malamas la militon. Sed tamen, li fine fariĝas soldato, batalas en Francujo, estas sendata al Rusujo, freneziĝas ... Aŭ ĉu la mondo ekster li estas freneza? Bona traduko.

*Vieno kaj Niederösterreich.* 16-paĝa gvidilo, kun 30 ilustraĵoj kaj klariga teksto. Ĉe Komisiono por Fremdulfrekvento, Messepalast, Wien VII.

*Facilaj Esperantaj legaĵoj.* Kompilita de Profesoro G. Waringhien. Eldonis: Esperantista Centra Librejo, 11. Rue de Sévres (6e). Paris. Tre interesa, bonstila verketo, tre rekomendinda por klubo.

*Esperantaj historietoj I.* Verkis kaj eldonis Peter Frey, Clausensvej 26, Haderslev. Danlando. Poŝtĉekkonto 42966. Formato: 13.5×19.5 cm. 48 pĝ. Luksa papero. Broŝurita. Prezo: 35 ned. cend.

Ĉiu, kiu jam partoprenis kurson aŭ studis lernolibron, povas legi kaj kompreni la historiojn. En klubvesperoj la malkara libreto povas certe utili. Hejme oni povas prepari unu el la historietoj, kaj poste oni povas rakonti ĝin al la klubanoj kaj tiel kontribui al la amuzado, kiu'tro ofte dependas sole de la gvidanto.

E. Drezen: *Pri problemo de internaciigo de science-teknika terminaro.* Eldono de »Standartgiz« kaj »Ekrelo«. Moskvo—Amsterdam, 1935.

Raporto akceptita de la Komisiono por Teknika terminologio de Sovetunia Akademio de sciencoj kaj de la Konferenco de I. S. A. (Internacia asocio de normig-asocioj) en Stockholm, 1934. 84.paĝa. Tre grava verketo.

Eldona Societo Esperanto, Stockholm, Svedujo, eldonis novan, tre enhavoriĉan katalogon pri lernolibroj, vortaroj, literaturo diversspeca, propagandiloj k. t. p. La plej multaj libroj estas koncize priskribitaj kun indiko pri la jaro de la apero, nombro de paĝoj kaj la speco de la enhavo. La svedlingva katalogo estas dissendita en 10.000 ekzempleroj.

---

# KRONIKO

## BULGARUJO

**»La vojo al la junularo«.** Kun tiu titolo samideano M. Movo (Parizo) aperigis artikoleton en »Esperanto«, oktobra-novembra numero, 1934. Per tiu artikoleto li donas »imitindan eksperimenton« ĝuste por ni — geinstruistoj-esperantistoj. Mi opinias, ke la paĝoj de I. P. R. estas plej konvena loko por similaj artikoletoj.

Kiel eĥo post la artikoleto de samideano M. Movo mi rakontos, mallonge, nur parton de mia propra sperto kaj faros proponon al s-ro redaktoro de I. P. R.

Mi mem esperantistiĝis dum 1931-32-a instrujaro, ĉefe per vigla Esperanto-interkorespondado kun fremdlandanoj. Ne esprimebla estis mia ĝojo kaj fiero, post kiam mi komencis ricevi leterojn kaj plej diversajn esperantaĵojn, preskaŭ el tutmondo. Kvazaŭ antaŭ mi la mondo malfermiĝis, mi vidis ĝin kaj konvinkiĝis, ke ĝi vere ekzistas. Mi ricevis kvazaŭ novan animon, novan konscion! La interkorespondado kun fremdlandanoj plej reale, plej konvinkige montris al mi la necesecon, la eblecon kaj la valoregon de la lingvo internacia: Esperanto. Dank' al la interkorespondado kun fremdlandanoj mi estas por ĉiam gajnita por la movado kaj por la lingvo mem. Hodiaŭ, apenaŭ nur 3 jarojn post kiam mi esperantistiĝis, mi jam estas Delegito de U. E. A., agento de T. A. G. E., ano de »B. E. A.« (Bulgara Esperantista Asocio), sekretario de nia urba Esperanto-societo, gvidanto de la gelernanta Esperanto-societo ĉe nia gimnazio, jam faris du Esperanto-kursojn por gelernantoj kaj esperantistiĝis pli ol 50 lernantinojn kaj lernantojn, eĉ dum monato novembro 1934 mi kuraĝiĝis fari du sinsekvajn publikajn paroladojn en nia urba teatra salono, per kiuj mi defendis la lingvon kaj la movadon kontraŭ la atakoj de malamikoj.

Sed kio, laŭ mia opinio, estas pli grava, estas la konsiderinda sukceso de Esperanto inter nia lerneja junularo. En nia urbeto estas du mezgradaj lernejoj: ĝeneralkleriga gimnazio, kie mi estas instruisto, kaj komerca gimnazio. Ĉe nia gimnazio estas gelernanta Esperanto - societo »Flamo« kun preskaŭ 100 societanoj. Ĉe la komerca gimnazio estas aparta Esperanto-societo »Zamenhof« kun preskaŭ 50 societanoj. Ni, la instruistoj, kiuj gvidas tiujn gelernantajn

societojn kaj instruas Esperanton, renkontas gravan malhelpon, ĉar ni ne povas facile trovi kaj disdoni konvenajn adresojn al niaj Esperanto-gelernantoj por ke ili tuj komencu interkorespondon.

Mia propra sperto konvinkis min, ke la interkorespondo kun fremdlandanoj plej forte altiras kaj alligas la lernejan junularon al Esperanto. Ni la geinstruistoj-esperantistoj devas konsideri ĉi tiun fakton, ni devas havi la eblecon, tuj trovi kaj doni al niaj gelernantoj konvenajn adresojn. Pro tio mi proponas al s-ro redaktoro de I. P. R., ke li bonvolu disponigi la lastan paĝon de I. P. R. al tiuj gekolegoj-esperantistoj, kiuj deziras anonci la adresojn de siaj gelernantoj-esperantistoj dezirantaj interkorespondi.

Tiamaniere oni plifaciligos la agadon de tiuj gekolegoj kiuj instruas Esperanton kaj uzas la interkorespondadon kun fremdlandoj kiel instru-metodon. Tiamaniere oni faros I. P. R. pli utila kaj pli necesa.

Ne sufiĉas nur la agado de la estimata samideanino f-ino Marta Moelke, la sekretariino de la kunlaborado de I. A. L. A., ne taŭgas la apartaj flugfolioj kun adresoj aperantaj de tempo al tempo.

En ĉi tiu momento mi disponas pri pli ol 50 adresoj de gelernantoj de nia gimnazio kaj serĉas preskaŭ la saman nombron da gekorespondantoj. Kion mi devas fari, helpu al mi, karaj gesamideanoj, helpu!

Iv. Valĉanov
gimnazia instruisto, Tirnovo
(Bulgarujo)

## Abonprezo de IPR

La abonjaro daŭras de la 1-a de januaro ĝis jarfino. La prezo por unu tuta jaro estas 2.50 ned. guldenoj (inkluzive aneco de TAGE.) Ek de la 1-a de julio ni akceptas ankaŭ duonjaran abonon je 1.25 ned. guld.

Por 2.50 ned. guldenoj estas sendota el:

| | | |
|---|---|---|
| **Aŭstrujo** | 8 | ŝilingoj. |
| **Britujo** | 5.— | ŝil. |
| **Belgujo** | 37 | fr. |
| **Ĉeĥoslovakujo** | 33 | ĉ. kr. |
| **Danujo** | 6 | kronoj. |
| **Francujo** | 25 | frankoj. |
| **Germanujo** | 4 | markoj. |
| **Hispanujo** | 12 | pes. |
| **Hungarujo** | 7 | peng. |
| **Jugoslavujo** | 75 | din. |
| **Latvujo** | 5 | latoj. |
| **Norvegujo** | 6 | kron. |
| **Polujo** | 8 | zlotoj. |
| **Rumanujo** | 180 | leoj. |
| **Svislando** | 5 | frank. |
| **U. S. A.** | 1.50 | dol. |

Kiam vi sendas la kotizon rekte al la administracio, ni petas vin:

1) Pagu, se eble, pere de la poŝtĉekkonto No. 90544. Nederlando.

2) Ne sendu poŝtmarkojn.

3) Sendu papermonon en registrita letero.

4) Se vi preferas kuponojn, sendu 5 U. E. A. kuponojn de 1 Sv. Frank. aŭ 16 poŝtajn respondkuponojn por tutjara abono.

5) Skribu tre legeble nomon kaj adreson.

—

## Agentoj de TAGE

**Angla:** F-ino V. C. Nixon, 183 Woodlands Park Road, BOURNVILLE, Birmingham.

**Alĝera:** Jean Delor. Professeur au College de garçons. TLEMCEN. (Dep. Oran)

**Aŭstralia:** H. M. Lanyon. Harrow St., Box Hill E 11. MELBOURNE. (Victoria)

**Belga:** H. Rainson. Hombeekschesteenweg 54. MECHELEN.

**Bulgara:** Ivan Valĉanov, gimnazia instruisto, TIRNOVO.

**Ĉeĥoslovaka:** Th. Kilian, TREBÍČ, Komerca Akademio Poŝtĉekkonto Brno Nr. 114.322. B.

**Ĉina:** Chang-Ching-Chiu, 21. Ta-Shin-Street, JUNNAN FU.

**Ĉilia:** E. Herrera Valen. Clasificador C. 220. SANTIAGO.

**Dana:** S. Kr. Nielsen, FEDERICIA Sundegade 3.

**Estona:** Johannes Jaanisto Kastani. 125—1. TARTU.

**Greka:** D-ro A. Stamatiadis. Rodou 21. ATENO.

**Hispana:** Ferd. Montserrat. Str. Provenza. 75—2—3. BARCELONA.

**Hungara:** Bleier Vilmos. Mester-u. 53. V. 7. BUDAPEST. IX.

**Japana:** Joshi H. Ishiguro. TOKIO. Daita II. 784 Setagaya Poŝtĉekkonto: Tokio 62061.

**Jugoslava:** Peter Golobiĉ. JESENICE, FUZINE.

**Kanada:** Alexander N. 223 Blaine Lake. SASK.

**Latva:** S-ino O. Juŝen. Slokas ielä N. 112. dz. 1. RIGA.

**Litova:** Mok. A. Prapuolenis. Iŝlaŭzas. paŝt. ag. PRIENU. VALS.

**Nederlanda:** M. van Mullem. 0.58. OPHEMERT. kasisto: E. A. Koot, UTRECHT W. v. Noortstr 10. Poŝtkonto nro 176356.

**Nederlanda Hindujo:** vakanta.

**Pola:** B. Gluchowski. św. Wincentego 80. WARSZAWA 24. Poŝtkonto 16992.

**Svisa:** S-ino N. Oumansky. 12 rue Jean-Jacquet. GENÈVE.

**U. S. A.:** David R. Metzler. Route 1. Box 389. FRESNO. Californie.

El landoj sen agentoj mono estas sendota rekte al la adm. Agentojn por tiuj landoj ni serĉas.



Felelős kiadó: Bleier Vilmos. Készítette a Pestvidéki Nyomda Vácon. A nyomdáért Bénik Gy. felelős.